I Jaro Sofia — Bulgario Majo 1958, N-ro 7

# INTERNACIA ★ ĴURNALISTO

Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## TEĴA — KUNLABORANTA ASOCIO

Laŭ la decido de la TEĴA-estraro, TEĴA fariĝos kunlaboranta asocio de UEA. Tiucele la prezidanto de TEĴA sendis al UEA, la jenan leteron:

Haugesund, la 24.4.58

Al
Universala Esperanto-Asocio,
Eendrachtsweg 7,
**Rotterdam-7**

Estimata samideanino,

Kiel ni pli frue informis, ni estas pretaj fari TEĴA'n Kunlaboranta Asocio de UEA, kaj ni petas vin registri nian aliĝon. Viajn kondiĉojn ni notis kaj aprobas.

Bonvolu sendi al ni tekston de kontrakto, subskribota de ni, kaj ni poste ĝin resendos por aprobo de la Komitato de UEA.

Pri la kotizo pagenda, 10 n. gld., mi skribos al la kasisto de TEĴA s-ro A. Ribot en Francujo.

Esperante, ke per ĉi tio la afero bone aranĝiĝos, salutas vin kore kaj samideane via

O. Thormodsen
Prezidanto de TEĴA

## FAKKUNVENO DE TEĴA EN MAINZ

Perletere nia prezidanto anoncis al la Konstanta Kongresa Sekretario, s-ano G. C. Fighiera, ke TEĴA deziras aranĝi fakan ĵurnalistan kunvenon, petante, ke oni disponigu al ni konvenan salonon dum unu el la uruaj tagoj de la Universala Kongreso de Esperanto en Mainz. La estraro anoncos la tagordon de la fakkunveno.

## ANKORAŬFOJE PRI LA TEORIO KAJ LA PRAKTIKO

Samideano Niilo Kavenius raportis en la decembra numero de nia organo pri internacia ĵurnalista renkontiĝo en julio 1956, en Helsinki. Li entute pravas, menciante lingvajn malfacilaĵojn ekster la kunsidoj. Laŭ mi kun similaj malfacilaĵoj koliziaŝ la partoprenantoj en ĉiuj internaciaj konferencoj, kie ajn ili okazas. Kaj se ni, esperantistoj-ĵurnalistoj, ne penetros plej baldaŭ la ĉiutagan profesian praktikon, ni ne povas atendi utiligon de nia lingvo en similaj renkontiĝoj. Kial ekzemple ni ne provas profiti pli ofte la servojn de mondaj telegrafaj agentejoj por disvastigi per ili esperantaĵn informojn kaj raportojn? Tiurilate, kun escepto de kelkaj okazoj ĉe TASS kaj la anoncita preteco (almenaŭ akcepti sciigojn en Esperanto) de INTERNATIONAL NEWS SERVICE, mi eksciis ĝis nun pri neniu alia tiaspeca ago.

Aldone al la sperto de la kolego Kavenius ankaŭ mi volus mencii kelkajn personajn spertojn. En la scipovo de angla lingvo manifestiĝas ofte gravaj mankoj. Persónoj, studintaj en britaj lernejoj, parolas kutime modelan, sed iomete malmodernan lingvon (temas precipe pri orientanoj). Ĉe uson- aŭstrali- aŭ sudafrikdevenaj kaj nov-zelandaj studintoj estas rimarkeblaj tendencoj al ĵargonoj, slangoj k. a. mislingvoj.

Do, kvankam scipovo de angla lingvo certe signifas grandan helpon kaj utilon, tamen ankaŭ ĝi ne povas garantii, ke ne okazos duon- aŭ miskompreno dum interparolado — ambaŭ tre danĝeraj en nia ĵurnalista profesio.

Kial ne uzi pli grandskale Esperanton en ĉi tiuj okazoj, por havi certecon pri plena ambaŭflanka kompreno kaj por akiri tiamaniere kaj rekte informojn pri malproksimaj landoj kaj nacioj, ofte konataj nur tre supraĵe?

Memkompreneble, ĉefa kondiĉo estas la funda scipovo de Esperanto kaj senerara kaj senpera tuja kapablo traduki el la nacia en internacian lingvon kaj male.

Joĵko Staněk, PRAHA,
Ĉeĥoslovakio

---

## PER UNUIGITAJ FORTOJ

La rolo de la gazetaro en la esperantista movado estas tre grava kaj ni pravas diri, ke la gazetaro alportis al niaj ĝisnunaj sukcesoj grandan kontribuon. Tial estas ĝojiga la refunkcio de TEĴA kaj la apero de ĝia organo „Internacia Ĵurnalisto". En la mondo laboras multaj esperantistoj-ĵurnalistoj kaj sendube estas, ke se ili ĉiuj aliĝus al la Asocio, ĝi fariĝos impona kaj reprezenta. Jen celo, pri kies atingo ni devas apliki ĉiujn niajn fortojn.

La nuna komitato de TEĴA neniam devas flankenlasi tiun celon, por ke ne okazu tio, kio okazis en la pasinteco, kiam TEĴA dum kelkaj jaroj dormis. La modesta „INTERNACIA ĴURNALISTO" devas fariĝi publikigilo, digna por la profesiuloj de la ĉiutaga skribo, publikigilo, en kiu renkontiĝu la esperantistoj-ĵurnalistoj por interŝanĝi siajn ideojn, por transdoni siajn spertojn. Ni scias, ke tio ne estas tre facila, sed per unuigitaj fortoj ni nepre povas fari tion.

Kunlaborante kun la Universala Esperanto-Asocio kaj kun la ceteraj internaciaj ĵurnalistaj organizoj, per la helpo de la redakcioj, en kiuj ni laboras, ni devas efektivigi streĉan profesian kaj intiman kontakton inter ni, interŝanĝi gazetmaterialojn, organizi komunajn ekskursojn, individuan korespondadon ktp.

Ĉi-maniere ni kapablos havigi valorajn servojn tiel al nia Esperanto-movado, al nia profesia laboro, kiel ankaŭ precipe al la grandaj idealoj de la progreso kaj de la mondpaco, al kiuj unuavice la ĵurnalistaro havas la devon servi.

St. Freamăt,

## TRA LA MONDO

### PLENSUKCESA PROPAGANDO POR ESPERANTO EN POLLANDO

Kiel rezulto de intensa propagando de samideano en Wroclaw, la literatura publicisto, Mag. fil. Mieĉislav Zgórzewski, kiu publikigis jam kelkajn artikolojn pri Esperanto (interalie la ampleksan „BIERZMY SIE DO ESPERANTO" („Ellernu Esperanton") en septembro 1957) en la granda ilustrita semajna pollingva gazeto „KULISY", eldonkvanto 282,714 ekz.), lastatempe estas organizita la redakcia KORESPONDKLUBO de ESPERANTISTOJ kaj ESPERANTO-AMIKOJ „Amika Servo". Pri la klubo projekto kaj pri la unua membrorenkontiĝo en WROCLAW en 1958, ampleksan artikolon „KLUB PRZYJACOL" (KLUBO „AMIKA SERVO") publikigis la sama samideano, iniciatinto de la Klubo, en „Kulisy", de 19. I. 1958. La klubprogramo, enhavoriĉa, interalie konsideras interamikiĝon per korespondado, kolektadon de diversaĵoj (pm, il. pk, sportbutonoj, gramofondiskoj, mallarĝaj filmstrioj ktp.), aranĝadon de poresperantaj propagandaj spektakloj, ekskursoj, ekspozicioj ktp. Post la publikigo de la artikolo, la redakcio kaj la iniciatinto Mag. Zgòrzewski ricevas konstante multe da entuziasmaj leteroj kun insista peto pri membrigo kaj promeso pri partopreno en la unua kunveno en Wroclaw ĉi-jare. La kunveno-programo estos ellaborita de speciala komisiono, interkonsente kun la ASOCIO DE LA ESPERANTISTOJ en POLLANDO, Filio en Wroclaw, kaj delegitoj de UEA en Pollando kaj Wroclaw kaj reprezentanto de la redakcio de „Kulisy"

Por informi regule la legantojn de „KULISY" pri la tutmonda Esperanto-movado, la redakcio petas pri taŭgaj informoj kaj fotografaĵoj el la tuta mondo. La redakcio projektas pligrandigi sian parton pri la TUTMONDA ESPERANTO-MOVADO sub titolo „ESPERANTO KULISY". Bonvolu sendi interesajn informojn. Ĉiulandaj geesperantistoj kaj Esperanto-grupoj, kiuj deziras korespondi kun geklubanoj de la TUTMONDA ESPERANTO - KORESPONDA KLUBO „Amika Servo", sendu viajn adresojn senpere al la redaktoro de la Esperanto-fako kaj gvidanto de la Klubo: Mag. fil. Mieĉislav Zgòrzewski WROCLAW-2, skrytka pocztowa 22, POLLANDO. La ricevo de ekzempleroj, enhavantaj viajn informojn, kaj la akurateco en la korespondado estas garantiataj.

---

### NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Ĵeĉo Ĉolakov, ul. „Panajot Volov" 9, Kolarovgrad, Bulgario.

Vladimir Rusev, ul. „Stara Planina" 11, Kolarovgrad, Bulgario

S-no Gertrud Svensson, Varvádersgatan 3 XI, Göteborg H, Svedio

K. J. Sidoroĉev, str. „Kalinina" d № 9, Naro Fominsk, Moskovskaja obl. USSR

Stern Ficu, Esperanto, Cásuta, Postalà 26. Turnu-Severin, Rumanio

A. A. Leenhard. Boerhaavellaan 18, Bussum, Nederlando.

O. Kuigsepp, Narva ŝoseo 71—23, Kohtla—Jarve, Estona SSR, Sovet-Unio

Renato Penazio, v. Vagnone 1, Trofarello, prov. Torino, Italio.

Nikolaj Nikolov, str. Ĉapaev 12 A, Sofia 13, Bulgario.

Nikola Aleksiev, str. Vasil Kolarov 45, Sofia, Bulgario.

S-ro Leslie, 140 Holland Park Avenue, London W 11, Britlando

Red. Arnfinn Jenson, Cort Adelersgate 12—627, Oslo, Norvegio.

Dr. Zoltan Hampó, Pecs, Lócse utca 3, Hungario.

## KOMITATANOJ DE TEJA

Jugoslavio — Matko Dobčnik, Miklošičeva 7, Ljubljana

Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Frunzenskaja nab. 118/120 A kv. 12, Moskva 131

Danujo — G. N. Jepsen, Skovvangen, 17, Silkeborg. S-ano Jepsen, gvidas la fakon Interŝanĝservo.

Ĉeĥoslovakio — Joĵko Stanek, Osadni 45, Praha

Rumanio — Ştefan Freamăt, str. Gabriel Peri 4, Bucureşti

Pollando — Emil Mayer, Krakow, Florianska 4.

## MALLONGAJ INFORMOJ

Nia TEJA-ano A. Erjuhin el Arhangelsk, USSR, tradukis el la revuo „Nuntempa Bulgario" la rakonton „Neĝblovado" kaj aperigis ĝin ruslingve en la loka gazeto „Lesnik Severa".

La ekzemplo de nia TEJA-ano estas imitinda. Per praktika laboro ni pruvos la utilon de Esperanto al niaj ĵurnalistaj rondoj.

## FONDUSO „INTERNACIA ĴURNALISTO

Subtenas finance la organon:

| | |
|---|---|
| Nikola Aleksiev, Sofia, Bulgario | — 100 lv. |
| Asen Grigorov, Sofia | — 5 lv. |
| Tatjana Evstratieva, Sofia | — 10 lv. |

Kolegoj el Soveta Armenio perletere promesis sendi monhelpon.

Aparte ni esprimas nian elkoran dankon al s-ano Nikola Aleksiev el Sofia, kin donacis 100 levojn, t. e. proksimume 14 usonaj dolaroj.

## ATENTIGO!

Ĉiuj membroj de TEJA en Okcidenta (kaj laŭeble en Orienta) Eŭropo estas petataj tuj pagi sian membro-kotizon por 1957 kaj 1958 jaroj al la vicprezidantino de TEJA s-ino Maria Vogel, Stuttgart 13, Postschek-konto: Stuttgart Nr 1036.37. Hejma adreso: Stuttgart, Kniebisstrasse 31, Germanio.

La jarkotizo estas unu usona dolaro aŭ egalvaloro en nacia mono.

Sendu al la redakcio de „Int. Ĵurnalisto" koncizajn informojn pri via ĵurnalista vivo (ne nur esperantista), interesajn por nia TEJA-membraro!

La filino de la komitatano de TEJA por Sovet-Unio kaj nia kunlaboranto N. F. Danovskij — Zorja Danovskaja, 27-jara, talenta poetino, mortis pro aŭtomobila katastrofo.

Al la familio de s-no Danovskij nian profundan kondolencon!

## LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEJA

Hungario — Marton Lajos, Esperanto Burs-utca 2, Budapest XII

Vietnamio — Dào-anh-kha, Hôi Quôctê-nou Bv Hb Viêt-nam. Hanoi (via USSR)

Jzraelo — Oskar Berman, 6 Shilustrato, Tel-Aviv

Italio — Renato Pennazio, v. Vagnone 1, Trofarello (To).

Ĉinio — Shi Si wei, ĵurnalista fako, Pekina universitato, Peking.

Dr. H. Unger, „Die Reise", Unger-Verlag, Zürich 22, Suisse.



La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sendas interŝanĝe la organon al ĉiuj Esperanto-redakcioj, petante ilin sendi interŝanĝe siajn gazetojn ktp al redakcio „Intern. Ĵ-sto".

Redaktoro: Iv. Keremidčiev, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario.

Ŝtata presejo „Narodna prosveta" — Sofia

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

S. G. Bassin. Ĥeroŝinskaja 7, **Taŝkent,** Sovetunio.
F-ino Karen Salmose, H. Stallgatan 1, **Ystad,** Svedio.
Stojĉo Savov, str. Zlati Georgiev 12, **Varna,** Bulgario.

## ETAJ SCIIGOJ

*La gazeto „De Bussumse Courant", aperanta en urbo Bussum, Nederlando, aperigis informon de Internacia Gazetara Servo de UEA, liverita per nia kolego Leenhard.
*En la redakcio de „Rabotniĉesko delo" (Sofia — Bulgario) estas malfermita Esperanto-kurso, gvidata de s-ano Kiraĝiev. La kurson partoprenas deko da ĵurnalistoj.
*En gazeto „Borba" (urbo Tirnovo, Bulgario) aperis sinsekve en ok daŭrigoj la verko de la japana profesoro Ogura Tojfumi „En Hiroŝima". La teruraĵojn pri la neniigita de atombombeksplodo japana urbo Hiroŝima, priskribitajn en la libro, tradukis el Esperanto bulgarlingven s-ano Hr. Manolov.

## KOMITATANOJ DE TEĴA

S o v e t - U n i o — N. F. Danovskij, Frunzenskaja nab. 118/120 A kv. 12, Moskva 131

D a n u j o — G. N. Jepsen, Skovvangen, 17, S i l k e b n r g. S-ano Jepsen, gvidas la fakon I n t e r ŝ a n ĝ s e r v o.

Ĉ e ĥ o s l o v a k i o — Joĵko Stanek, Osabni 45, Praha

R u m a n i o — Ştefan Freamât, str. Gabriel Peri 4, Bucureşti.

P o l l a n d o — Emil Mayer, Krakow, Florianska 4.



La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sendas interşange la organon al ĉiuj Esperanto-redakcioj, petante iiin sendi interŝanĝe siajn gazetojn ktp al redakcio „Intern. Ĵ-sto".

## ESTRARO DE TEĴA

**Prezidanto** — Olav Thormodsen, Box 132, **Haugesund,** Norvegio.
**Vicprezidanto** — Niilo Kavenius, Niklasengatu 10/14. **Turku** 9 Finnlando.
**Sekretario-kasisto** — D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5. **Cittadella (Podova),** Italio.
**Heldsekretario** — Maria Vogel, Kniebisstrasse 31, **Stuttgart,** Germanio.
**Redaktoro** — Ivan Keremidĉiev — Esperov. bulv. Hristo Botev 98, **Sofia** 2, Bulgario.
**Membroj** — Andrè Ribot, 11, rue Paul Vergnes, **Marmande,** Francio; Takaĉ Žejko, Zagreb, Jugoslavio.

## LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

H u n g a r i o — Marton Lajos, Espeanto Burs-utca 2, Budapest XII i

V i e t n a m i o — Dào-anh-kha, Nô Quôctê-nou Bv Hb Viêt-nam. Hanoi (via USSR)

J z r a e l o — Oskar Berman, 6 Shilustrato, Tel-aviv

I t a l i o — Renato Pennazio, v. Vagnone 1, T r o f a r e l l o (To).

Ĉ i n i o — Shi Si wei, ĵurnalista fako, Pekina universitato, P e k i n g.

S u i s s e. Dr. H. Unger, „Die Reise", Unger-Verlag, Zürich 22.

S v e d i o. Karen Salmose, Stallgatan 1, Ysted.

Estas serĉataj reprezentantoj de TEĴA por ĉiuj landoj

Agemaj membroj, dezirantaj esti reprerezentantoj de TEĴA por sia lando, estas patataj tuj anonci siajn adresojn al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto". En landoj, kie estas ĝis 4 membroj de TEĴA ili povas interkonsliĝi kaj anonci sian reprezentanton al la redakcio.

Redaktoro: IV. KEREMIDĈIEV — ESPEROV, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario

Ŝtata presejo „Narodna prosveta" — Sofia